2ª jaro - Nº 3 (10) (Publication mensuelle) Marto 1934

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro: Raymond SCHWARTZ
Redakcio: 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio:
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e
FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

*Ne « iom post iom », sed « pli kaj pli »*
*la elito aliĝas al LA PIRATO.*

# TARIFO DE L'ABONOJ

---

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

en Francujo kaj Saar-Teritorio. . . . . 10 fr. fr.

en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . 12 fr. fr.

en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . 15 fr. fr.

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

---

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIVe

---

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# Kiam princoj lernas Esperanton...

Ni kopias — proksimume — el anglaj gazetoj :

« Antaŭ kelka tempo, dum nigra, pluva vespero, Lia Princa Moŝto of Selaw estis devigata halti duonhoron, pro bedaŭrinda motordifekto, en urbeto Fradbord. Anstataŭ perdi tiun tempon en provinca kinematografejo, kie oni prezentis tiun tagon tute senvaloran filmon, kiun la princo, cetere, jam vidis kvin fojojn antaŭe, Lia Moŝto preferis ĉeesti inkognite Esperantan lecionon.

Tuj, kiam li eniris en la klasĉambron, ĉiuj kursanoj ekleviĝis kaj ekparolis ĥore, kun perfekta takto : « Bonan matenon, ni vin salutas, Reĝa Princo ! » — Kortuŝite la princo respondis : « How do you do ? » klopodante imiti kiel eble plej bone la Esperantan akcenton. Kaj jen ! Li pli-ol-perfekte sukcesis, tiel, ke la kursestrino ne povis ne komplimenti lin plej entuziasme. La princo tiam vidigis tre grandan intereson pri Esperanto kaj ĝenerale pri ĉio, kio koncernas tiun belan lingvon. Lia unua demando estis : « Kiel nomiĝas tiu milda fraŭlino kun la admirindaj okuloj ? Ĉu ŝi neniam iras al Londono ? »

Ĝentile riverencante la kursestrino respondis : « En Esperanto ĉiuj substantivoj finiĝas per o, ekzemple bird'o. »

Tiam la princo diris : « Well, — kiss'o, kiss'o. »

Li foriris postlasante plej bonan impreson. »



Oni diros, kion oni volos, sed tiaj raportoj ĝojigas eĉ individuojn nesentimentalajn. Kaj, se post tio nia samideano en la zoologia ĝardeno ne frotas aplaŭdsigne sian nazon kontraŭ la dekstra piedplando, tio pruvas, ke li havas nek koron nek komprenon. Kompatinda simio !

A. B. C. Awful.




# MINACOJ

Ĉu nova modo? Ĉu adapto al nia movado de modernaj metodoj kaj « gangster »-a sistemo? — Pli kaj pli la paca leganto havas la impreson, dum li trafoliumas nian gazetaron, ke li vagas tra praarbaro, en kies densaĵoj embuskas minacoj: « Monon... aŭ Esperanto estas fuŝaĵo! »

Jen kuraĝa pioniro decidis varbmigradon tra Ekstrema Oriento: « Por ne endanĝerigi seriozan propagandan entreprenon estas ankoraŭ urĝe bezonataj kelkaj centmarkoj... Pruvu, ke la Verdaj Kavaliroj ne estas monomanio! » — Al kio vi povus respondi: « Pruvu, ke via vojaĝo ne estas... mono-manio! »

Alia kolektas librojn por la urba biblioteko en Honolulu: « Samideanoj, sendu tuj kaj malavare, aŭ nia ĝisnuna laboro fiaskos. »

Honesta komercisto presigis prospektojn en Esperanto kaj lia feliĉa varbinto avertas: « Se la samideanoj ne aĉetos amase liajn famajn kaŭĉukajn sitelojn, tio bedaŭrinde montros, ke Esperanto ne estas serioza afero. »

Ni estas konvinkitaj, ke ne temas pri tromppetoj, — sed la kvazaŭ-minaca formo ne plaĉas al ni. Kaj ni pensas, ke anstataŭ forbruligi nian malmultan petrolon dise kaj mise, estus pli bone bruligi propagandan lampon ĉe nia oficiala asocio.

Al nia propagand-ministro apartenu la petrolo kaj nur al li la pet-rolo. Sen minacoj. Tio montros la seriozecon de unuece organizita movado.

LA DEĴORANTA PIRATO.

# La stato de nia movado

Unu komitatano de UEA, kiun, pro profesia sekreto, ni ne nomos, perdis antaŭ ni konfidencan noton de nia granda kaj fama asocio. Ĝia nepra graveco instigas nin al tiu hodiaŭa diskonigo.

## Statistiko pri la Esperantista vivo dum la monato Januaro 1934-a

La statistika fako de UEA registris kun sia kutima zorgo 656 mortintojn, el kiuj 286 estis honorindaj aktivaj membroj pagintaj sian kotizon por la nuna jaro. La cetero konsistis el diversaj nezorgindaj simplaj membroj (50-centimuloj).

Tifo kaŭzis unu morton anstataŭ 3 en decembro (meza nombro estas 2). Morbilo kaŭzis 3 mortojn anstataŭ 5 en decembro. Notinde estas, ke 98 samideanoj resaniĝis post tiu malsano. Gratulojn.

Nervaj malsanoj kaŭzis 154 mortojn, el kiuj 58 pro alkoholismo, 43 pro kontraŭtabaka propagando, 2 pro feminismo kaj 51 pro razado de barbiro Emilio Ferrari. Krome, oni enkarcerigis 402 frenezulojn. Konfidencan liston volonte liveros UEA kontraŭ servokupono kaj kvindek svisaj centimoj aŭ egalvaloro.

72 maljunuloj mortis pro granda aĝo. Ili ĉiuj estis grupprezidantoj.

El 741 kasistoj forkurintaj kun la asocikaso 42 sin mortigis. Plue, oni registris 15 murdojn: unu pro ĵaluza sento de trompita edzo, 7 post diskuto pri la teknika valoro de lingvkomitatano, 4 por tuja anstataŭigo en komitato de loka grupo kaj 3 pro neklarigeblaj motivoj.

612 geedziĝoj okazis, el kiuj 15 inter gesamideanoj.

Oni enskribis 269 naskiĝojn de vivantaj infanoj, el kiuj 12 de honorindaj membroj aktivaj. La ceteraj infanoj naskiĝis de nezorgindaj simplaj membroj. Entute estis 113 knaboj kaj 154 knabinoj. Pri la du aliaj infanoj oni rezervas konkludon. Menciinde estas, ke 201 infanoj estas laŭleĝe naskitaj; la aliaj ne.

Fine, oni registris la nomon de inteligenta patro, kiu, tuj post naskiĝo de la knabo, enskribigis lin kiel aktivan membron de UEA.

MAFJA.

# Oni atakas nian Onklinon

Nian bonan onklinon, la Esperantistan Akademion, oni atakas. Tio estas ago nebela, ĉar nia bona onklino neniam montriĝis danĝera, neniam sin trudis perforte en la familian rondon. Multaj Esperantistoj eĉ neniam aŭdis ion pri ŝi, kaj tiuj, kiuj aŭdis pri ŝi, sin demandas sincere : « Ĉu ŝi fakte ekzistas ? »

Tial ni, kiuj scias, al kiu kaj kio oni ŝuldas respekton, ne povas aprobi la novan pacan batalilon « Nia Gazeto », kiam ĝi ekmilitiras kontraŭ nia bona onklino. — Sed jen la sagetoj el « Nia Gazeto » (febr.)

El la rubriko « Redakcia Kesto » :

Al S-ro A. B. — Ni aplaŭdas vin, vi havas bonegan ideon krei specialan oficejon en kiu vi intencas korektadi la oficialajn cirkulerojn de la supra institucio. (La supra institucio estas nia Akademio).

El la rubriko « Lingva Konsilanto » :

Vi diras al mi, ke vi studas dokumentojn de Esperantista Akademio, kaj ke vi tie ne trovas tian stilon, kia devus esti. Vi demandas ĉu oni povas diri : « Tiuokaze ne *manku aldoni* noton... » Nu, mi ne hontas diri al vi, ke ĝi estas eraro ; *manki* signifas *malesti, foresti ;* do en la supra frazo oni devas uzi alian vorton kaj ne tiun francaĵon : ekz. *forgesi.*

Nun vi eble supozas, ke post tio nia bona onklino tremadas sur sia trono. Tute ne ! La petolulino organizas la defendon kaj kun profunda bedaŭro ni devas konstati, ke ŝi eĉ ne priatentas la plej elementajn principojn de l' lojaleco.

## Nia Onklino atakas siaflanke

Lastatempe ni ricevis amason da demandoj pri stilo kaj elementa gramatiko. Tio ja ŝajnas tute normala afero, ĉar oni scias nun tra la mondo, ke ni tre malavare disdonas prilingvajn konsilojn, dank' al la kompetenteco de nia juna kunlaboranto Ale Ben Tarip. Sed tre rapide ni konstatis, ke ĉiuj demandoj venis senescepte de eminentaj akademianoj kaj ke ĉiuj senescepte estas direktitaj kontraŭ la « fuŝaĵoj de Nia Gazeto ». Nu, tiam ni komprenis, de kie venas la vento.

Nia elita legantaro ekkonos mem kaj tuj la perfidan, malhonestan, pedantan batalmanieron de nia onklino, kiu tute simple resendis la sagetojn, kiujn ŝi ricevis.

# Survoje al larĝbaza gramatiko

*Al la 1-a*: Ne, sinjoro, — mi ne aplaŭdas vin. Kial krei specialan oficejon, en kiu vi intencas korektadi la presprovaĵojn de « Nia Gazeto »? Preferinde estas, ke vi okupiĝu pri viaj bulboj.

*Al la 2-a*: Vi diras, ke « Nia Gazeto » estas ĉiumonata gazeto kaj ke tamen ĝi prezentas sin per la vortoj: « Jen nova ĵurnalo! » Kaj vi aldonas malice: « Ĵurnalo estas — kiel ĉiuj scias — ĉiutaga gazeto! »

Vi eraras, eminenta samideano; la supra ekzemplo sunklare pruvas, ke *ne* ĉiuj tion scias.

*Al la 3-a*: Vi, laŭdire, legis en « N. G. »: « La efektivigo de tiu programo *necesos*, ke ni arogu al ni... » kaj vi pretendas, ke oni devas diri « *necesigos* ».

Kun pedantoj, sinjoro, mi ne diskutas.

*Al la 4-a*: Vi citas el « N. G. » « Roches havis malamikon inter la arabaj ĉefoj, kiuj *vantis* pri siaj heroaĵoj... » kaj vi ĵuras, ke « vanti » estas francaĵo. Nu, mi ne hontas diri al vi, ke ĝi estas eraro, — sed el la kunteksto oni tuj komprenas, ke temas pri « fanfaroni ». Do, kial vi grumblas?

*Al la 5-a*: Vi demandas hipokrite, ĉu la sekvanta frazo (el N. G.) estas korekta: « La tombo de *sia* amatino restis lia okupo dum la tuta vivo. »

Mi ne hontas diri al vi, ke tiu *sia* ne estas tre-tre korekta, male-male! Sed mi pensas, ke la aŭtoro uzis ĝin pro eŭfoniaj kialoj, kiujn klarigi al vi estus sensukcese. — Aliflanke vi pravas: Tombo ne estas serioza okupo, same kiel ĉapelo ne estas profesio, eĉ ne por tiuj, kiuj laboras per ĝi.

*Al la 6-a*: Vi solene atestas, ke vi ne komprenas la akuzativon en tiu ĉi ekzemplo (el N. G.): « Ĉiu junulo povas trovi relative facile laboron, *kiun* konvenas al li. »

Se vi ne komprenas, ne estas mia kulpo. Eksciu do, ke ĝi estas la tiel nomata « Sisterona akuzativo ». Ĝi estas purenure ornama kaj neniel influas la sencon de l' frazo.

*Al la 7-a*: Vi plendas kontraŭ tiu ĉi ekkrio (el N. G.): « Aŭtoritecon, jes, sed ne diktatorecon! »

Jen tre instrua ekzemplo, kiu montras, kiamaniere oni pliriĉigas nian lingvon... forŝtelante unu silabon.

*Al la 8-a*: Vi scivolemas, kion signifas « tiu ĉi ĉu-ĉu-ĵargono » (el N. G.): « Kiom pli agrable interparoli kiel du ŝuistoj ĉu lignaĵistoj ĉu masonistoj ĉu rimenistoj! »

Nu, mi konsentas, tio estas peko kontraŭ la bona stilo, sed estu certa, ke la aŭtoro faris tion intence: por alproksimiĝi kiel eble plej multe al la parolmaniero de l' cititaj metiistoj.

*Al la 9-a*: Vi deziras klarigon « pri la senco de tiu ĉi bombastaĵo » (el N. G.): « Ĉu ĝi povas edifici nacion en ĝiaj sentoj de la plej malkaraj bazoj de l' maturiĝo ĝis la finaj suproj de l'agado? »

He, stultuleto, ĉu vi ne rimarkis mem, ke tiu bombastaĵo ne havas sencon?

*Al la 10-a kaj sekvantaj*: Ne, sinjoroj, mi ne plu respondos. Viaj argumentoj estas same butermolaj kiel la aliaj. Aŭ ĉu vi forgesas, ke Esperanto estas lingvo relative nova? — Mi konsilas al vi fermi kelkfoje unu okulon, kaj kiam necesas, eĉ du. Sed ne, kiam vi verkas mem.

Ale Ben Tarip.

*TURISMO*

# MODERNAJ VOJAĜINVITOJ

Pli kaj pli allogaj fariĝas tiuj vojaĝinvitoj, kiujn la turismaj entreprenoj disdonas lastatempe sub formo de prospektoj, programoj kaj aliaj promesoj. La malalta prezo entenas ne nur ĉiujn veturkostojn sed ankaŭ loĝadon en luksaj hoteloj, stomakplenigon ĉe festenaj tabloj, enirrajton en la muzeojn kaj amuzejojn, ktp... — Maksimuma komforto estas nepre garantiata. Kaj tamen la eventualaj klientoj ankoraŭ hezitas!

Nun la turismaj organizaĵoj provas alispecan tentadon. Kiel unuaj, niaj italaj samideanoj komprenis, ke ni vivas dum epoko de l' fortaj sensacioj. La nunaj generacioj bezonas vigligajn emociojn. For la idiliajn vojaĝojn, kiujn niaj praavoj faris, manon en mano, okulojn al la ĉielo, tra la serena Roma kamparo. Lasu la molajn revulojn, — vivu la moviĝanta realeco de l' vivo! Ni sincere gratulas niajn italajn amikojn, kiuj senhezite enkondukis la novan varbmetodon, kiun ni mem atendis jam de longe.

Ĉu vi jam konas la inviton de l' Esperanto-Centro Itala? Jen ekstrakto, dum kies tralego vi verŝajne tuj frandeme lekos viajn lipojn kun volupta antaŭĝuo:

**Sur la fajra Vesuvo... per Esperanto!**

... Oni supreniras per aŭtomobilo la grandan vulkanon, la Vesuvon, kies lafo brulanta estas preskaŭ tuŝebla, pro la ĵusa erupcio. Neforgesebla, profunda impreso aŭdi de tridek metroj distance la surdajn bruegojn, la kolosajn grumblojn de la fajra giganto terura; flirtigi la verdan standardon antaŭ ĝia flama ruĝa kratero, eniri la krateron, paŝi sur la varma lafo ankoraŭ moviĝanta, senti en la vizaĝo ties ardon netolereblan... ekbruligi la cigaredon per lafero! *)

Ĉu estas imageblaj pli puraj ĝojoj, pli amuza ekskurso? Mi havas amikon, kiu jam enskribigis sian

*) El «Heroldo», n° 767, 11 marto 1934.

bopatrinon... Sed ni ne ŝercu! — La kuraĝa ekzemplo de niaj italaj amikoj ne restis seneĥa. Antaŭ unu semajno ni ricevis prospekton el Hispanujo :

Travivu tri tagojn en Madrid

dum la proksima aprila ribelado! Partopreni en stratbataloj, dormi sur la barikadoj, aŭdi la sibladon de l' kugloj, kiuj pasas je dek aŭ nur kvin centimetroj de viaj oreloj, ĉeesti la eksplodon de dekduo da bomboj ĉe la Puerta del Sol, kia nervotikla sensacio! Plue, sen krompago, la partoprenantoj vidos multajn vunditojn, kadavrojn, ĉeestos ekzekutojn, ktp. — Esperantistoj, venu multnombre!

Ankoraŭ pli interesa ŝajnas al ni la programo, kiun dissendas la Kuba Rondo Esperantista :

Samideanoj! — Venu batali por Libereco, fataleco kaj buterpeco! Ni organizas grandan, seninterrompan revolucion kun bananoj kaj kanonoj. Karavano al Havano. Venu ĉiuj. Ĉiu partoprenanto ricevos senpage la gradon kaj insignojn de generalo, — ĉiu membro de l' karavano havos la okazon esti Prezidanto de nia Respubliko dum almenaŭ 24 horoj. La pompa enterigo okazos poste je kostoj de l' ŝtato. La Kuba Rondo vin atendas... ktp.

Persone ni preskaŭ preferus — pro la lasta programpunkto — la plezurvojaĝon, kiun niaj tamtamaj amikoj organizas :

Tre originala kaj laŭmoda estas esplorpatrolado en la internon de Afriko; pena antaŭeniĝo tra sennombraj danĝeroj. Ĉiutaga batalado kontraŭ sovaĝaj bestoj... Esti vekata ĉiunokte de venenaj serpentoj, ĝui inter necivilizitaj negrotriboj la penetrantan odoron de l' pranaturo, konstati sur sia propra korpo ĉiujn fazojn de tif-, pest- kaj lepr-epidemioj, jen novspeca, unika sensacio. Primitiva vivado, nudista tendaro. La lastan tagon oni manĝos la karavanestron!

Kompreneble, tiuj kaj similaj promesoj de senbridigita konkurenco multe ĝenas la sukceson de nia XXVI-a en Stockholm. Vere, kion eksterordinaran proponis ĝis nun niaj nordlandaj amikoj? — Feliĉe, niaj gvidantaj instancoj en Ĝenevo ne dormas. Tuj ili flaris la minacon de l' konkurenca tentado kaj — ankoraŭ ĝustatempe — ili konsilis al la Stockholma L. K. K. aranĝi postkongresan amuzadon kiel eble

plej altirantan. Niaflanke ni havas la ĝojon, unuaj el la tuta Esperanta gazetaro, publikigi la lastan cirkuleron de l' kongresa komitato :




Por jese respondi al la deziro de multaj kongresontoj la L.K.K. decidis organizi postkongresan ekskurson

**al la Norda Poluso.**

Malrapide la krakanta ŝipo, aŭtentika karavelo el la Vikinga epoko, plugos sian vojon tra glacia dezerto de l' Arkta nokto. Tre verŝajne la feliĉaj partoprenantoj ĝuos veran ŝippereon kontraŭ glacimonto. Sed dank' al la kunportita nutraĵprovizo (ĉiutage unu kvaronlitron da gadoleo) la postvivantoj povos pasigi ankoraŭ tridek tagojn en plej senespera izoliteco. Frostitaj piedoj estas garantiataj. Plore kaj glore la heroa karavano sin trenos plu, al la nordo. Eble la lasta postvivanto sukcesos planti la Verdan Flagon en la mezon de l' Poluso. Tiam la ekspedicia fonografo ludos ĉiujn strofojn de La Espero, kondiĉe, ke oni intertempe ne manĝis la diskon. Unike solena momento.

Kostoj : sv. kr. 152,— (la revenvojaĝon oni ne bezonos pagi !)

He, amikoj, bonan vojaĝon !

CONDORCET.

*POR PERFEKTIĜI :*

*« Unuflanke nia lingvo nur allogas eksterulojn per la valoro de ĝia enhavo. Aliflanke tiu valoro kaj amplekso nur kreskas se ni kuraĝigas eksterulojn partopreni en ties riĉigo. »*

EDMOND PRIVAT *(Esperanto, marto 1934).*

*Tiu ĉi modelteksto estas preskaŭ perfekta. Unuavide ĝi entenas nur unu gramatikan eraron kaj nur du stilajn malkorektaĵojn.*

*Moto :* « Ni havas himnon, havas flagon,
Kaj prezidantojn... nu, mi dankas,
Sed ve ! por diri " bonan tagon "
Ankoraŭ la formulo mankas ! »

## SUGESTO
### dediĉata al S[ano] Ferrari

Dum ekzistas tiel diversaj mansalutoj,

*la militistaj*





la roman-faŝista,

*la kontraŭfaŝista*



la papbena, la... pirata,



K.T.P.,

ni, Esperantistoj,
ankoraŭ ne posedas propran,
distingigan salutmanieron :

**Estas skandalo!**

*Nu, esperantistoj ĝenerale havas kvinfingrajn manojn, ĉu ne ?* Ni do proponas :



*la kvinpintstelan.*

Verdsteluloj,
provu nur !




LA INTERLIGILO DE L' P. T. T. (Jan.) — « Simpla laboristo kun ŝvito sur dorso kolektas 20 santimajn ŝparmarkojn... »
*Estas rekomendinde tiajn markojn ne leki propralange!*

SAMLOKE. — « La marŝado ekhaltis. La biciklistoj, fiakristoj, ŝoferoj apenaŭ kunkreskis sur la asfalto... »
*Tiu stranga asfaltkreskaĵo apartenas verŝajne al la familio de l' bicikristoferoj.*

HEROLDO (14 Jan.) — « La opinioj pri la valoro de la kiso estas tre malsanaj... »
*Negrave; tiuj malsanaj opinioj mortu, — sed vivu la kiso!*

HEROLDO (18 Febr.) — « sed nekompreneble estas, ke homoj, nomantaj sin ankaŭ anoj de la mondlingva ideo, kuraĝas per sia talpa laboro malutili al tiu ideo. Tia subfosa agitado meritas nur la predikaton: Fi! »
*Brave! kaj niaflanke ni ne hezitas apliki al tiuj talpoj la verbon: Fuŝuloj!*

FRANCA ESPERANTISTO (Febr.) — « Vivu la suno, la pura aero kaj la irejoj sen sesradikaj aŭtobusoj. »
*Tiuj sesradikaj aŭtobusoj tamen ne ŝajnas danĝeraj; ili certe ne povas moviĝi tre rapide.*

NIA GAZETO (Febr.) — « En la malnova kvartalo .. ĉiuj domoj konstruitaj kun tute alia logiko de l' fenestroj... »
*Estas ĝentile rakonti al ni pri la logiko de l' fenestroj, sed kial oni nenion diras pri la filozofio de l' pordoj?*

SAMLOKE. — « . . . homo trankvila kun tri transversaj linioj surfrunte, super kiuj pendas bruruĝa hartufo. »
*Ke la espero estas verda, ni jam sciis. Nun ni scias ankaŭ, ke la bruo estas ruĝa.*

NORDA GAZETO (Febr.) — « ...nia amiko C. preskaŭ gajnis la trian premon .. »
*Gratulojn al nia bona amiko C.! Ni esperas, ke la fraŭlino, kiu disdonis la premojn, ne tro difektis lin.*

ESPERANTO (Marto). — Bela vidaĵo el la Muzeo Skansen (Sved.), kiu montras cervosimilajn bestojn sur ŝtonaĵoj. Klariga teksto: Renoj.
*La Muzeo Skansen troviĝas sendube en lumba regiono. Tie — efektive — la renoj estas en sia elemento. Sed kial oni ne vidas ilin sur la bildo?*

# Plenmano da pingloj

Al ĉiu sanktulo apartan kandelon.

*Pri Archdeacon *):*

Ĵus li flugis, nun li flosas;
sed li sian viv-medion
ne trovis jam: la lunon.

*Pri Julio Baghy, aŭtoro de « La Vagabondo kantas »:*

Strigo krias: mort' minacas.
Sed se l' Vagabondo kantas,
mortadas mem la strigoj.

*Pri N. Barthelmess, trafuŝisto de « Faŭst »:*

Senerare: liaj versoj
bedaŭrigas lian prozon,
kaj lia proz' — la versojn.

*Pri P. Corret, vic-Cart-ulo kaj ĉefpastro de l'ortodoksio:*

Ne ran-koro, ĉi Koreto!
De rankoro ĝi angoras
ja kontraŭ l' neologoj.

*Pri iu komercisto:*

Gren-malriĉa mia kampo,
Kaj rezulte mi rikoltas
en tiu de l'aliaj.

*Pri Kalocsay kaj Waringhien, Parnasaj turistoj:*

Fremda skribo, strangaj sonoj;
Harmonias ties nomoj
kun poemar' ilia.

*Sur marĝeno de l'Apokalipso:*

Kreuz (Rob.) staris antaŭ Dio:
« Fil', sidiĝu dekstre de mi! »
... La seĝo estis tro eta.

*Pri Raymond Schwartz, pirato:*

Li nigrigis sian flagon,
dekstrokulon kaj eĉ nomon;
l' animon... ne necesis.

GEORGES E. MAURA **).

---

*) Iam li posedis balonon kaj nun enloĝas ŝipon, ambaŭ titolitajn « Esperanto ».
**) La aŭtoro bonvolu konigi al ni sian nomon kaj adreson.

## *LITERATURO*

Nia elita legantaro sendube konas la faman Rezolucion de niaj japanaj amikoj, energie protestantan kontraŭ la neologismoj, kiuj igas la modernajn Esperantajn tekstojn preskaŭ nekompreneblaj. — Nia eminenta samŝipano Revilo brile pruvas per la sekvanta novelo, ke oni povas atingi similan precizecon uzante nur afiksojn. Bonvolu konstati mem, ke lia prozaĵo entenas eĉ ne unu radikon substantivan, nek verban, nek adjektivan, nek korelativon. Tio bonege montras la aglutinan karakteron de nia lingvo.

# Afiksa Novelo

En eta, aĉa ejo en fora Ozujo *) la eksestrino Bonjo **) ekas disigi kaj remiskunigi egan aron da forigendaj iloj kaj aĵoj. Opaj aĵeretoj antas kaj adas ***) al- kaj reen kaj ekobliĝas sur la ingujo. — Ho, ĉi eksestrino Bonjo (aŭ ĉu eksvicestrino?) — tro *ista,* malinda aĉulino, treege ema al praaj ismoj kaj ologioj, ja ade reaniĝas al ili. Ŝi ne emas (eĉ ne emetas) geiĝi kun ajna ulo, nek umi idojn... Fiaj ecoj ĉe ino, ĉu ne?

Sed ha! Jen la ĉefo, inda egulo, duone eniĝas en la ejon, eligas ingeton el la ujo, kaj kun ege iva ****) eco ek... sed tuj retroigas ĝin, ĉar lin traigas eka, eta umeco. Je la misulo! Hej, ho, jen ree la umeco, pli kaj pli, ĝis ĝi ene superestras lin. — Geiĝi kun ŝi? Indege! Malaĉege! Hura!...

Sed ho ve, ne eblas al mi plu... Vi indaj geanoj kaj geanidoj, vi anidetoj kaj anidinetoj, ja pleje vi aniĝemuloj, pluigu ĝin mem! Do, ĝis re!

REVILO.

---

*) Ozujo (aŭ Ozio) estas tre rokoza, sabloza lando en suda Afiksiko.

**) Bonjo estas karesa formo de Boulino, aŭ Boparencino, ĉi tie kompreneble Bokuzino.

***) « Antas kaj adas » signifas « estas flugantaj kaj ŝvebadas », laŭ konata literatura konvencio.

****) « iva » signifas « kapabla fari ion » ; do « kun ege iva eco » signifas « kun mieno montranta internan fortan decidon eventuale plenumotan ».

# Atentu! - Alvenis la Printempo!

Katastrofa sezono. Maljunulojn ĝi skuas. Junulojn ĝi vipas kaj junulinojn renversas. — Ĝi anoncas sin klarsigne per la malgrandaj anoncoj de niaj gazetoj: Malpliiĝas la ofertoj pri interŝanĝo de poŝtmarkoj, pri esploro de sciencaj temoj, dum kreskas la proponoj «deziras korespondi kun gaja fraŭlino».

Revekiĝas la naturo kaj kelkfoje nia propagando. Aperas novaj folioj en ĉiuj arbaroj kaj eĉ en nia gazetaro. La viroj portas sian sorton pli kuraĝe kaj la sinjorinoj siajn ĉapelojn pli kokete.

La poetoj laboradas dudekkvarhore ĉiutage en siaj laboratorioj kaj publikigas amase versaĵojn. Katastrofa sezono.

Afabla suno, kun siaj vigligaj radioj, forgesigas aliajn radioaparatojn. Tra la kamparo migras amparoj. Tra amparoj migras nova sento. Oni amindumas, gustumas, malvarmumas, — unuvorte multe umas. La kinematografejoj tamen ne malpleniĝas. Male.

Estas printempo. Katastrofa sezono.

SALA FUMAL.

## INTER SURDULOJ




— Pardonu, sinjoro; — ĉu vi iros al la kongreso?
— Ne, sinjoro, — mi iros al la kongreso.
— Dankon, sinjoro. Mi kredis, ke vi iros al la kongreso.

*LA FERDEKO DE L' PASAĜEROJ*

# Letero el Japanujo

Antaŭ ĉio mi volas danki vin pro la bonega propagando, kiun vi bonvolas fari al mi mem kaj al Oomoto; efektive, en ĉiu numero de via altŝatata organo, vi ne forgesas memori pri ni. Dankon! Unu el viaj lastaj eltrovoj (= Ovo de Kolumbo!) en via 8-a jubilea numero estas, ke Jozefo = Jamato Masaharu. Ĉar kelkaj legantoj estas eble malpli spritaj ol vi, do mi klarigas, ke temas efektive pri du enkarniĝoj de l' sama individuo.

En via 7-a, antaŭjubilea, numero vi publikigas tre atentindan opinion: « Ĉar Esperanto estas lingvo neŭtrala... nova vorto rajtos ĝin eniri nur se ĝi havas absolute nenion komunan kun iu ekzistanta lingvo. » Mi ankaŭ samopinias! Ĉu estas pli vivanta kaj belsona vorto en nia lingvo ol « edzo » aŭ « aĉa »? Ĉu estas pli natura kaj melodia diro imagebla ol « fia edzaĉo » elparolata ĝentile de l' ŝipestredzino aŭ de l' *damo* Loch Nels?

Pardonu, ke mi preskaŭ forgesis la celon de mia letero. Imitante la majstrajn leterojn aperantajn en HEROLDO, mi volas vin informi pri la lastaj okazintaĵoj en Japanujo. Meze de l' tutmonda krizo la vivo estas ankoraŭ relative facila tie ĉi, ĉar en *krizo* estas... *rizo* kaj per ĝi ni vivas preskaŭ ekskluzive! Estas vere, ke en *Parizo* ankaŭ estas *rizo* sed mi pensas, ke vi preferas bifstekon el ĉevalaĵo kun litro da ruĝa, ĉu ne? Nenio pli montras, ke Japanujo estas fandejo de du kulturoj ol la fakto, ke apud la rizo estas ankaŭ abunda *pano* (en ĉiu ja-pano!) Mi ĉesas vortludi, ĉar mi ne volas elvoki vian ĵaluzecon; se mi daŭrigas, vi estas kapabla ne aperigi mian leteron.

Jes, la vivo ne plu estas tie ĉi tiel pitoreska kiel antaŭe! Forestas jam la heroaj samurajoj kun longa hararo kaj du glavoj sed restas ankoraŭ abunde da gejŝoj kun cigna kolo kaj liuto. En la tedomoj de Japanujo oni ne trinkas teon, kiel vi povus naive supozi, sed arakon... varman, kredu al mi! (Cetere, kiu diris, ke en la kafejoj de Parizo oni trinkas nur kafon, eh?) Ĉi tiun jaron okazis pluraj miloj da « duopaj memmortigoj », plejparte en vulkana kratero aŭ akvofalego. Sed ne mankas gajuloj, kiuj sin ĵetas de l' tegmento de amerikstilaj « ĉiovendejoj ». Malgraŭ ĉio restas tamen sufiĉe da enloĝantoj, ĉar bonvolaj cikonioj alportas pli ol milionon da japanidoj ĉiujare. Do, estu trankvilaj, karaj samkredanoj, la nombro de Oomotanoj ne malkreskos pro tio!

Antaŭ nelonge okazis, ĉe la scienca Universitato de Osaka, diservo (budhisma, ne Oomotana!) « por konsoli la spiritojn de l' bestoj mortigitaj en la intereso de l' scienco » (laŭ taggazetoj). Ĉu similaj ceremonioj okazas ĉe vi en Parizo? Estus interese celebri meson pro la savo de l' puloj kaj pedikoj mortigitaj en via redakcio... en la intereso de nia literaturo! Sed vi, okcidentaj barbaruloj, ne povas kompreni tiajn subtilaĵojn.

Ĉin-Ĉin! Via fidela,

JAMATO MASAHARU (Jozefo III), Kameoka.

(NOTO: Nia lingvo estas malriĉa je onomatopeoj, tial mi fabrikis la neologismon « ĉin-ĉin », kiu estas *nepre necesa*, kiel oni diras je similaj okazoj.)




**Por ĉiuj gustoj.** — La bonega verko de E. Aisberg pri radio aperis. Konforme al anoncoj publikigitaj en *Literatura Mondo,* kelkaj mendis la libron « Nun mi jam komprenas radion » kaj ili ricevis libron, sur kies kovrilpaĝo oni legas : « Fine mi komprenas la radion », — dum la interna titolpaĝo diras : « Mi komprenas fine la radion ! »... Ŝajnas, ke per tiuj ĉi variantoj oni celis kontentigi personajn gustojn de l' aŭtoro, de l' eldonisto kaj de l' presisto. Kaj al la leginto oni grandanime lasis la eblecon konkludi : « La radion mi fine komprenas ! »

**Senŝanĝe.** — Pli fidela al siaj kliŝoj estas U. E. A. Ankoraŭ nun, post la t. n. Interkonsento de Kolonjo, ĝi uzas la malnovajn varbformulojn. — « UEA estas asocio de individuaj personoj... » Kion pensas pri tio la naciaj societoj ? — Estas vere, ke la naciaj societoj alportas grandparte nur 50-centimulojn. Kiom pli preferinda estas individua patrono !

**Malapero ???** — Kie sin kaŝas Jean Forge, nia bona aŭtoro ? Ĵus oni sciigis oficiale, ke *Febro,* la romano, kiun li promesis liveri al AELA, « definitive ne aperos ». — *Jean Forge* estas pseŭdonomo, — tute ne Esperanto-sona. Kelkaj opinias, ke malgraŭ la francaspekta skribo oni devas elparoli Esperante : *Jam Forges'...*

**Ĝentileco.** — S-ro H. K. Rosema, Utrecht, serĉis per anonco « korespondajn geamikojn en la tuta mondo. Certa respondo garantiata ». — Pariza Esperantisto, freŝe bakita, entuziasma, skribis. Kaj jen, li efektive ricevis... certan respondon : belan poŝtkarton kun tiuj solaj du vortoj : « Ne akceptata. »

**Evoluo.** — Nia bona amiko Emilio Ferrari, universale konata varbisto kaj danĝera verdstelulo, revenis al Parizo post nur dumonata restado en Italujo. Kaj nun li malfermos ĉi tie barbirsalonon. Pri tio ne miru. Li mem asertas, ke « varbo kaj barbo » estas preskaŭ la sama fako... Krom tio, li promesas sapumi la samideanojn per verda sapo « kun verda ŝaŭmo ».

**Interese.** — Kreiĝis en Germanujo « Nova Germana Esp.-Asocio », kiu lastatempe iomete revigliĝas. I. a. ĝi havas kiel ce-

lon : « Kontraŭbatali ĉiun Esperanto-asocion en Germanujo, kiu per nomo kaj statutoj sin ŝajnigas nacia kaj kiu tamen toleras kiel membrojn judojn, pacifistojn kaj aferistojn. La nova Asocio kontraŭbatalos tiajn trompasociojn ĉe la interesataj instancoj tiel longe, ĝis kiam finiĝos tiu negermana konduto aŭ ĝis kiam la dissolvo estos atingita. »

Ĉu la membroj de tiu nova asocio partoprenos internaciajn kongresojn nur, se ĉeestos nek judoj, nek pacifistoj, nek — ĝenerale — alilandanoj ?

**Geedziĝo.** — *Heroldo,* nia ĉiusemajna gazeto, tre deziras unuiĝi kun *Esperanto,* nia ĉiumonata revuo. Neniu leĝo malpermesas tian geedziĝon. Sed, Dio mia, kiam oni pensas pri la ebla ido de tia unuiĝo, ŝajnas, ke la leĝoj devus protekti la malfeliĉajn infanojn jam antaŭ ilia naskiĝo.

**Tur-ismo.** — Post la turĉambro 3, kiu akiris certan famon en la Kolonja kongresejo kaj en la historio de Esperanto, ni havas nun « Tur-strato 4 », originalan romanon de Hans Weinhengst. La libro estas tre homa, — sed preskaŭ senkoma.

---

## BONVOLU ATENTE TRALEGI

Al ĉiuj samŝipanoj, saluton ! — Nia sinjoro administranto ne estas kontenta. Malgraŭ nia insista peto okazas ĉiutage, ke sendisciplinaj individuoj, kies abono validas ĝis proksima Majo inkluzive, repagas jam nun. Ĉu ili vere ne povas ĝisatendi sian vicon ? Ĉu ili vere ne povas, intertempe, pli utile uzi sian monon por seriozaj aferoj ? — Saman demandon ni direktas al tiuj stranguloj, kiuj pagas abonon por du jaroj. Kial, gesinjoroj, vi komplikas la kalkulojn de nia sinjoro administranto ? Ĉu mirige, ke kun tiaj klientoj li tute perdiĝas en siaj kontoj ?

---

Pro torentsimila alfluego de abonoj dum la lasta tempo, nia januara numero tute elĉerpiĝis. Ni ne plu povas ĝin liveri. Do ne insistu. — Same, ni ne plu havas kompletan kolekton de la 1-a jaro.

---

Inter niaj simpatiaj abonantoj troviĝas kelkaj specimenoj, kiuj ŝanĝas sian adreson preskaŭ ĉiumonate. Tio eble faras plezuron al ili. Por ni tia moviĝemo estas tre ĝena, ĉar ni devas niaflanke pretigi novajn adresbanderolojn. Do restu definitive, kie vi estas nun.

Same ĝene estas, pro la sama motivo, kiam niaj fraŭlinoj-abonantinoj edziniĝas. Ne nur la adreson ni devas ŝanĝi sur niaj banderoloj. sed ankaŭ la nomon ! Ni tial konsilas al ili, ke ili bonvolu edziniĝi nur kiam ilia abono finiĝis.

Krom tio, la sinjoro administranto fartas bone. Samon al vi !

---

*Le Gérant :* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

## NIAJ ABONEJOJ

*Aŭstrujo :* S-ro Alfred Klein, Cirkusgasse 34/9, *Wien II.*

*Germanujo :* Friedrich Ellersiek G. m. b. H., Wilms-Str. 5, *Berlin S. W. 61.* — Postscheckkonto : Berlin 293 18. — Unu jaro : RM 2,10.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo :* S-ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro : Pesetoj 6,00.

*Italujo :* Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro : Lit. 12,50.

*Japanujo :* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro : 3,50 jenoj.

*Nederlando :* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto : 230 505. — Unu jaro : Guld. 1,25.

*Polujo :* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

